# Fonua lingvo

La **fonua lingvo** (fonulingve *Fon gbè*, lingvo (gbé) de la fonua popolo, *Fon nu)* estas parto de la gbea lingvaro kaj apartenas al la volta-niĝera ero de la niĝerkonga lingvaro. La fongbea lingvo estas parolata precipe en la ŝtato Benino fare de proksimume 1,7 milionoj da parolantoj. Kiel la aliaj lingvoj el la gbea lingvaro temas pri analiza lingvo, kies baza vortordo havas la sinsekvon *Subjekto Verbo Objekto*. La fonua lingvo estas skribita per la Internacia Fonetika Alfabeto.

La kotafonua lingvo estas parto de la fonua lingvo.

| Fonua lingvo | |
|---|---|
| ***Fongbe*** | |
|  Distribuo de la ĉefaj lingvoj el la gbea lingvaro[1]: | |
| violas la regionoj de la fonua lingvo | |
| **Parolata en** | Benino |
| **Parolantoj** | 1 935 500 |
| **Denaskaj parolantoj** | proksimume 1,7 milionoj da homoj |
| **Skribo** | Latina skribo |
| **Lingvistika klasifiko** | |
| Niĝerkonga lingvaro | |
| Atlantik-konga lingvaro | |
| Voltakonga lingvaro | |
| Kvaa lingvaro | |
| okcidenta | |
| Gbea lingvaro | |
| Fonua lingvo | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-2** | hwl |
| **ISO 639-3** | fon |
| **SIL** | HWL |
| **Glottolog** | fonn1241 |
| **Angla nomo** | Fon |
| **Franca nomo** | fon-gbe |

## Seminario pri fonua lingvo kaj Esperanto

De la 18-a ĝis la 23-a de januaro 2015 la NRO **Scio Sen Bariloj** (SSB) organizis seminarion por virinoj en Kotonuo, Benino. La enhavo havis tri partojn: enkonduko al la skribado kaj legado de la fonua lingvo, enkonduko al Esperanto, virina kapabligo en gvidaj roloj. Instruis Privas Tchikpe, Mireille Grosjean, Ladislas Tande kaj Christophe Hounto-Ada. Partoprenis 11 junaj virinoj.

De la 23-a ĝis la 27-a de februaro 2015 okazis dua tia staĝo kun la sama enhavo triaksa. Partoprenis 15 junaj virinoj. Subtenis mecenatoj kaj ILEI.

De la 28-a de oktobro 2019 ĝis la dua de novembro 2019 okazos lau la sama skemo la sama kurso kun la nomo SEVI 3 organizita de Scio Sen Bariloj. ĝi akceptos 20 junajn virinojn.

## Notoj

1. ↑ laŭ Capo 1988 kaj 1991

## Eksteraj ligiloj

- esperante Informoj pri la Fonua lingvo (https://uea.org/vikio/kategorio:Fona_lingvo) en la vikio de UEA (https://uea.org/vikio/Ĉefpaĝo)
- Fon is Fun! (paĝoj anglaj) (http://www.fon-is-fun.org/)